**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

Dirección y administración
Carreras Candi, 34 – 36
08028 BARCELONA

REDACTOR JEFE
Giordano Moya Escayola
Balmes, 38. Tel. (93) 7881839
08225 TERRASSA (BARCELONA)

COMITE DE REDACCION
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Marco Botella

Jarabono . . . . . . . . . . . 1500 p-toj

ENHAVO

La kovrilo: 48a Hispana Kongreso de Esperanto



Depósito Legal: VA. 616 – 1978
G.E.T.

UTILAJ ADRESOJ

Hispana Esperanto-Federacio
Carreras Candi, 34-36
Tel. (93) 240 26 62
08028 BARCELONA

PREZIDANTO. Salvador Aragay

VICPREZIDANTO. Luis María Hernández

SEKRETARIO. Víctor Ruiz

VICSEKRETARIO. Josep Miranda

KASISTO. Joan Font

Pagojn sendu al
Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros. Libreta núm. 2.303-26
Agencia Riera Blanca, 436
08028 BARCELONA

JUNULARA SEKCIO (H.E.J.S.)
Carreras Candi, 34
08028 - BARCELONA

FERVOJISTA SEKCIO (H.E.F.A.)
Ronda S. Antonio 46-50, 2° 4°
08001 BARCELONA

TURISMA SEKCIO KAJ ELDONA FAKO kaj "FUNDACION ESPERANTO"
Inés Gastón
P° de la Constitución 35, 4°
5001 ZARAGOZA

LIBRO—SERVO
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID
Pagojn por LIBRO—SERVO
Cuenta Postal 3.118.078 VALLADOLID

ĈEFDELEGITO DE U.E.A. EN HISPANUJO
Juan Azcuenaga Vierna
Gral. Dávila 127, portal 7, 2° izda.
Tel. (942) 33 94 87
Cuenta Postal 03548531
39007 SANTANDER

OFICEJO
Rodríguez San Pedro, 13, 3° P-7
28015 MADRID

INFORMA OFICEJO
Vakas

# 48a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO
## Unua postjarcenta kongreso
## Valencio, 14-18 julio, 1988

---

**Jaŭdon, 14an julio**

Kvankam la oficiala malfermo de la Kongreso devis okazi la vendredon fakte ĝi komenciĝis per la Oficiala Akcepto de la kongresanoj en la Urbodomo, la jaŭdon tagmeze. La gekongresanoj estis akceptitaj en la Protokola Salono fare de s-ino Pepa Benavent, ĉar la konsilantaro de la urbo Valencio en tiu sama momento kunsidis kaj la urbestro kaj konsilantoj estis okupitaj.

S-ro Salvador Aragay, prezidanto de HEF, gratulis s-inon Pepa Benavent kaj dankis la urbestraron de Valencio pro ĝia helpo al la Kongreso kaj krome pro la eldono de Esperanta folieto pri la urbo Valencio kaj ĝia preteco akcepti, ke UEA okazigu la Universalan Kongreso en Valencio.

S-ro Augusto Casquero nome de la LKK ankaŭ dankis la urbestraron pro ĝia dispono helpi la Kongreson. Lunĉo sekvis la paroladetojn kiel regalo al la kongresanoj fare de la urbestraro de Valencio.

Posttagmeze H.E.J.S. sin prezentis. Tion sekvis la enkonduko de kolokvo en kiu s-ro A. Alonso Núñez reliefigis la rolon de la junularo pri kiu li asertis, ke ĝi pli aktive laboru en HEF.

La H.E.J.S. prezentadon sekvis la jam popularaj Horoj AKSH, pri kiuj aperas aparta raporto.

**Vendredon, 15an julio**

Antaŭ la naŭa matene buso startis por viziti ceramik-fabrikon kaj en la kongresejo malvolviĝis Esperanta infan-kurseto. Je la dekunua Adrian Mañas traktis la temon "La internacia lingvo en la Sanktaj Skribaĵoj laŭ la Bahaa religio".

Tagmeze en la ĉefsalono de la Ekonomika Fakultato, malavare disponita kiel kongresejo, okazis la Oficiala Malfermo de la Kongreso.

Prezidis sur la podio la Dekano de la Ekonomika Fakultato, s-ro Angel Ortí; Delegito de la Diputatejo s-ro Juan Bravo; Reprezentanto de la Generalitat, s-ro Pedro Gómez, kiu malfermis la inaŭguran akton. Lin salutis nome de la LKK Augusto Casquero, kiu dankis la Dekanon de la Fakultato kaj la "Generalitat Valenciana" pro la kultura subvencio por la Esperantaj eldonoj, la Urbestron de Valencio por la helpo al la Kongreso kaj tiel same la Departementon pri Turismo, Ŝparkason kaj Filatelian Asocion kaj Valencion pro ĝia preteco fariĝi la sidejo de la estonta Universala Kongreso de UEA.

S-ro Salvador Aragay parolis kastillingve kaj esperante, salutis la eksterlandanajn kongresanojn kaj rilate internacian kongreson li rimarkigis ke en la internaciaj kongresoj, escepte en la esperantaj, okazas lingva diskriminacio kaj tio eĉ en la progresemaj, ĉar kvankam ili ne postulas la uzadon de la angla aŭ la franca, la lingva diverseco generas diskriminacion. Kontraŭe, en niaj kongresoj ne okazas diskriminacio, ĉar ni uzas neŭtralan lingvon. Post li parolis s-ro Pedro Gómez nome de la Ĝeneralitat de Valencio kaj s-ro Angel Martí Brabo nome de la Deputatejo. Aŭgusto Casquero, kiel prezidanto de la LKK dankis la aŭtoritatulojn kaj la ĉeestantajn gekongresanojn, ĉar, li diris, ke kongreso sen kongresanoj estus fiasko.

Post la parolo de Augusto Casquero salutis la Kongreson la ĉeestantaj eksterlandanoj, la lasta en la vico estis la reprezentanto de Kubo Esperanto-asocio.

S-ro Pedro Gómez reprezentanto de la Ĝeneralitat de Valencio kaj nome de ĝia Prezidento salutis la kongresanojn. Li diris, ke la Registaro de Valencio, kiu promocias la modernecon, vidas en Esperanto projekton de moderneco, de kultura kosmopolitismo kaj de paco universala en solidareco. La devizo de la Franca Revolucio, libereco, egaleco, frateco, reaperas en la solidara paco. Mi, li diris, firme kredas en nova etika projekto kaj en la forigo de la malegalecoj. Li esperas, ke la laboroj de la Kongreso estu fruktodonaj kaj ankaŭ deziris sukceson por la estonta Universala Kongreso de UEA okazonta en Valencio.

Sekvis lin en la parolo de Dekano de la Ekonomia Fakultato, s-ro Angel Orti. Li diris, ke li konsideras propraj la vortojn kiujn nome de la Ĝeneralitat de Valencio diris s-ro Pedro Gómez kaj memoris la multnombrajn Esperantajn kongresojn okazintajn en Valencio, speciale tiun de 1952. Esperanto signifis projekton, kiu tiam abortis sed tiu ĉi Fakultato faris tradicion disponigante sin en ĉia cirkonstanco, por kulturaj aktivaĵoj. Nia Fakultato estas je via dispono por la Universala Kongreso.

S-ro Pedro Gómez, nome de la Prezidanto de la Ĝeneralitat de Valencio inaŭguris la Kongreson.

La ceremonian inaŭguron sekvis la Festparolado de Gian Carlo Fighiera, kiu malvolvis la temon "Strategio de Esperanto", kies kompletan tekston ni publikigos en venonta numero de "Boletín".

Posttagmeze okazis la kunveno de la Estraro de HEF kun delegitoj de la Esperanto-societoj.

Prezidis la kunvenon s-roj S. Aragay, Luis María Hernández kaj Giordano Moya.

Kvankam tiu ĉi kunveno ne estis decida, nek aproba, ĉar la decidoj okazos en la ĝenerala kunveno, ĝi estis treege interesa kaj grava ĉar danke al ĝi la HEF-estraranoj kaj la delegitoj povis interparoli kaj prepari intime la erojn de la tagordo de la ĝenerala kunveno. La tagordo estis la jena:

1e. Trovi urbojn por la postkongreso de la U.K. de UEA kaj por la I.J.K. de TEJO (Antaŭkongreso okazos en Manresa).
2e. Proponoj por Estontaj Hispanaj Kongresoj.
3e. Kotizoj por la jaro 1989.
4e. Esplori por HEJS novan prezidanton, ĉar A. Franco nuna HEJS-prezidanto finas sian periodon en la nuna kongreso.
5e. Serĉi respondeculon por gvidi la Informan Oficejon.
6e. Studi la eblecon trovi novan sidejon por HEF kaj novan HEF-estraron, ĉar la nunaj estraranoj finos sian periodon en la kongreso de Bilbao.
7e. La prezidanto de Kuba Esperanto Asocio, s-ro Castillo, invitas la esperantistaron partopreni en la Konferenco Esperanto 88a kaj la Universalan Kongreson en la Habano la jaron 1990an. Reprezentantoj de Viajes Caribe informis pri prezoj kaj eblecoj.
8e. S-ro Giordano Moya informis pri la bulteno. S-ro Marco Botella estas preta kunlabori pli aktive. S-ro Giordano Moya proponis diversajn vojojn por pli rekta kunlaborado inter la Redakcio kaj la redaktoroj de aliaj bultenoj.

Poste okazis la Arta Vespero, fare de "Falla l'Antiga de Campanar". La Arta Vespero konsistis el du partoj, la teatra ludo en kataluna-valencia lingvo kaj la Folklora prezentado. La teatraĵo kun du roluloj, Ŝi kaj Li, ambaŭ fraŭlaj kaj ĉagrenitaj de izoleco. La verko estis "Kaj kantas la alaŭdo", kies aŭtoro estas Sergio Regas. Ĝi estis bone interpretata de la ensemblo Teatra Trupo "Falla de l'antiga del Campanar". En la dua parto de la spektaklo, Populara Valencia Folkloro, kantado kaj dancado, rolis riĉa repertuaro de dancoj kun ĥoro kaj muzika akompano de ŝalmo kaj tambureto, gitaroj kaj bandurioj. La finon de ĉiu programero sekvis longa aplaŭdado.

**Sabaton, 16an julio**

Je la naŭa matene ekfunciis poŝta giĉeto por la Oficiala ŝtampado de poŝtkartoj kaj leteroj. Malvolviĝis la Esperanto infan-kurseto. Enkadre de la Horoj, Alberto Franko disertaciis pri gramatiko kaj klarigis la diferencojn de konstruo de la kastilia lingvo kaj Esperanto.

Estis projekciata vidbendo sur granda ekrano titolita "Vivi en Euskadi" por elmontri la pejzaĝojn kaj vivon de tiu regiono, kie kuŝas Bilbao, la venonta kongresurbo, gravurita de J. Juanes, Jordi Farré kaj Marina Ranchal.

Tagmeze kiel kongresan bankedon, oni manĝadis grandegan "Paella", konsistantan precipe el rizaĵo por pli ol 200 personoj, kuiritan subĉiele en unusola grandega pato. La majstra kuirado estis kvazaŭ spektaklo, kaj la komuna manĝado la plej gaja festo.

## KUNVENO PRI LA UNIVERSALA KONGRESO EN VALENCIO

Kunvenis s-roj Augusto Casquero, Salvador Aragay, Luis María Hernández Izal, Juan Azcuénaga, Luis García, Giordano Moya, Gian Carlo Fighiera kaj kelkaj observantoj.

S-ro Augusto Casquero informis pri la vizito de du komitatanoj de UEA en Valencio, kaj la urĝeco krei Hispanan Komisionon por antaŭprepari la demarŝojn por la U.K. S-ro S. Aragay proponis baloton, ĉar la U.K. devas esti la unua celo por ĉiuj. Unuanime estis akceptita la propono de A. Casquero kaj sekve s-roj Augusto Casquero, Salvador Aragay, Luis Hernández kaj Juan Azcuénaga akceptis kunlabori en la komisiono.

S-ro Augusto Casquero proponis krei FONDUSON (kapitalon) por pagi salajratan personon, kiu nur laboros por la U.K. Post interparolado la ideo estis aprobita kaj s-ro Juan Azcuénaga akceptis prepari regularon por efektivigi ĝin.

La kunvenintoj konstatas ke U.K. estas tasko vere gravega kaj ke oni bezonas multajn homrimedojn. Tial do ili alvokas la Hispanan esperantistaron partopreni en la HISPANA KOMISIONO de la U.K. en Valencio.

S-ro Luis Hernández, kiel komitatano de UEA estas preta apogi Valencion kiel kongresurbon de la U.K. en la estonta kunveno de la komitato de UEA en Rotterdamo. Ĉiuj kunvenintoj instigas lin ke li agu energie.

Ĉar samideano S. Aragay ne povos partopreni la Komitatkunvenon en Rotterdamo, li transdonas al s-ino Rafaela Urueña dokumenton, kiu permesos al ŝi anstataŭi lin kaj apogi s-ron Luis Hernández en la komitatkunvenoj de UEA.

## VESPERE OKAZIS LA ĜENERALA KUNVENO

Je la 17a horo komenciĝis la ĝenerala kunveno de la Federacio. Sur la podio s-roj Salvador Aragay, Luis María Hernández, Luis Hernández kaj Giordano Moya.

S-ro S. Aragay bonvenigas la samideanojn kaj donas la parolon al s-ro Luis María Hernández, kiu legas la raporton de la antaŭa ĝenerala Kunveno. Post la legado la HEF-membraro aprobas ĝin.

S-roj Luis Hernández kaj S. Aragay legas la sekretarian raporton. S-ro A. Franco prezidanto de la junulara sekcio (HEJS) ne konsentas kun punktoj pri HEJS kaj proponas al la membroj, la ne aprobon de la sekretaria raporto kaj la aprobon de 7 punktoj proponitaj de li. Post kelkaj interparoladoj inter la membroj kaj estraro, oni voĉdonas kaj la sekretaria raporto estis aprobita, kaj tial ne aprobitaj la 7 puntoj proponitaj de A. Franco, je granda plimulto: 26 favoraj, 2 kontraŭaj kaj 3 sindetenoj.

Ĉu en la sepa punkto A. Franco prezentis sian demision, la HEF-prezidanto S. Aragay demandas al li, ĉu deziras plu esti HEJS-prezidanto; s-ro A.

Franco insistas prezenti sian demision: La HEF-estraro akceptas la demision kaj proponas elekti novan HEJS-prezidanton.

Neniu kandidato estas proponita de la ĉeestantoj kaj la HEF-estraro informas la membrojn ke post la kongreso la sekretario sendos cirkuleron al ĉiu HEJS-membro por la elekto de HEJS-Prezidanto.

Pro la graveco de la voĉdonado rilate la aprobon de la sekretaria raporto la HEF-estraro deziras atentigi la legantojn pri tio, kion logike la voĉdonado signifas:

1e. Junulara Esperantista Kataluna Asocio (JEKA) plu estas la Federaciiĝinta Asocio de HEJS. en Katalunio, (kaj ne KEJ kiel proponis A. Franco).

2e HEJS ne akceptas novan landan sekcion de TEJO en Hispanio, kaj la HEJS-reprezentanto en la komitato de TEJO en Zagrebo, informos ke HEJS voĉdonos kontraŭ la peto farita de KEJ por nova landa sekcio de TEJO en Hispanio. (kaj ne sindetenos kiel informis A. Franco).

3e Ĉiu estrarano, komitatano, delegito, respondeculo kaj Federaciiĝinta Asocio en HEJS, nepre devas esti individua membro de HEF. (Ne estas akceptita la propono de A. Franco ke samideano, kiu ne estas individua membro de HEF, gvidu la oficialan organon HEJS-JUNECO, post la demisio de J. Armengol kiel redaktoro).

4e HEJS estas la junulara sekcio de HEF.
(Vidu la artikolon 7an de la HEF-statuto kiu precizigas la taskon de la HEF-sekcioj).

Art. 7a Por pli bone plenumi la celojn de la Federacio, ĝiaj membroj povas grupiĝi en sekcioj, ĉu profesiaj (instruistoj, kuracistoj, inĝenieroj, fervojistoj ktp), ĉu sporta, filatela, junulara aŭ aliaj.

Ĉi tiuj sekcioj povas posedi malsaman sidejon ol tiu de la Federacio, kio tamen ne signifas ilian sendependecon rilate al la Federacio, sed ili estos ĉiam submetitaj al ties disciplino kaj al la reguloj de tiu Statuto, kaj devos sciigi siajn aktivaĵojn al la Federacio, al kiu devas nepre aparteni, ĉu individue, ĉu kolektive, ĉiuj iliaj membroj. La Prezidanto de la sekcio estos elektata de la membroj de la menciita sekcio, sed kun antaŭa aprobo de la Federacia estraro. La prezidanto de la sekcio, ĉeestos la Federaciajn kunvenojn kun parolrajto, sed sen voĉdono.

S-ro S. Aragay legis la financan raporton kaj atentigi la membrojn ke en ĝi estas kelkaj mankoj ezk: la konto de la HEF-oficejo en Madrido, la 4 kontoj de HEJS, la kontoj de la Turisma sekcio kaj la eldona fako. Plie li insistas, ke estas necese trovi profesian libroteniston, kiu povu prepari profesian financan raporton.

Kelkaj membroj petis klarigojn pri diversaj eroj el la financa raporto kaj s-ro S. Aragay informis kaj detalis iujn ciferojn. S-ro Aboin nome de la oficejo en Madrido petis senkulpigon kaj informis ke laŭ la lasta dokumento (katastro) de la nuna jaro, la valoro de la oficejo de Madrido triobliĝis.

Oni voĉdonis kaj ĝi estis aprobita. Favoraj 38, kontraŭaj 0, sindetenoj 0.

S-ro Luis Hernández, legis la financan raporton de Libroservo. S-ro S. Aragay petis al la kongresanoj fortan aplaŭdon por danki al s-ro Luis Hernández lian fervoran, diligentan kaj profesian laboron. Tondra aplaŭdo sigelis la parolojn de la HEF-prezidanto. La voĉdonado estis: Favoraj 41, kontraŭaj 0, sindetenoj 1.

La HEF-estraro laŭ la opinioj kaj proponoj okazintaj en la kunveno de la HEF-estraro kaj delegitoj proponis la jenajn kotizojn por la individuaj membroj en la jaro 1989

| | |
|---|---|
| Emerito, junulo kaj senlaborulo | 1.200 pesetoj |
| Membro abonanto | 1.700 pesetoj |
| Membro protektanto | 3.400 pesetoj |
| Dumviva membro | 34.000 pesetoj |

Per granda plimulto la kotizoj estis aprobitaj.

La estraro informis pri la demarŝoj por la 49a Hispana Kongreso de Esperanto en Bilbao gvidata de la Esperanto-Grupo de Bilbao kaj sekve demandis al la membroj informojn pri alia urbo por la 50a Kongreso.

La delegitoj kaj membroj ne faris proponon. Poste, la estraro informis ke ekzistas la ebleco prepari kongreson en Sant Cugat del Vallés Katalunio, sed konstatante ke en la salono ne estas reprezentanto de tiu urbo, por konfirmi aŭ ne konfirmi la eblecon, oni atendos la lastan tagon de la kongreso por pritrakti tiun eblecon. La membraro akceptis ĝoje la eblecon okazigi la 50an Hispanan Kongreson de Esperanto en Sant Cugat del Vallés la jaron 1990.

La lastajn punktojn de la tagordo de la ĝenerala kunveno, oni pritraktis tre rapide, ĉar dufoje oni interrompis la debaton. S-ro Luis María Hernández plendis pri la peto fini la ĝeneralan kunvenon ĉar tiu ero de la programo estas la plej grava por la Federacio.

Post diversaj sugestoj kaj proponoj s-ro S. Aragay dankis al ĉiu membro de HEF lian bonvolemon, paciencon kaj kunlaboradon kaj je la 19a horo deklaris fermita la ĝeneralan kunvenon de la Federacio.

## ANTAŬ OL FINIĜI LA ĜENERALA KUNVENO

En la proksima parko Los Viveros estis ludata koncerto de la Urba Orkesto de Valencio, kaj je la oka vespere okazis la ekskurso al la lago Albufera kaj boatpromenado ĝis noktiĝo; sekve oni revenis al Valencio.

**Dimanĉon, 17an julio**

En programero neoficiala, dimanĉon matene, pastro Manuel Casanoves celebris la Sanktan Meson en la paroĥejo "Virgen de Lourdes" el Valencio. Sed samtempe infano estis baptita en Esperanto. Li estis nomita Víctor-Enrique kaj estis filo de la geedzoj Augusto Casquero. Víctor-Enrique estas la unua infano baptita en Esperanto. La tuta ceremonio okazis en Esperanto kun la demandoj kaj konsiloj de la pastro al la gepatroj kaj gebaptopatroj. La Ĥoro Verda Stelo de la Grupo de Esperanto de Madrido honore al la baptito kantis belegajn kanzonojn kaj tiel same la halelujon ĉe la fino de la Meso.

Pastro Casanoves en sia prediko konstatis, ke en la socio estas fortoj centripetaj kaj ankaŭ disigaj. La unuaj unuigas la homojn kaj la duaj disigas ilin. Ankaŭ interne de ĉiuj persono enestas tiuj du fortoj. Sed la mesaĝo de Kristo, unuigas nin ĉiujn kaj nin ĉiujn savis, ĉar Li estas la universala paŝtisto, kiu kunigas nin frate kaj el malproksimuloj faras nin proksimuloj.

Enkadre de Artaj, Sciencaj kaj Kulturaj Horoj de HEF (AKSH) estis prezentita polemiko pri Etiko en Politiko. Enkondukis ĝin Gian Carlo Fighiera.

Gian Carlo Fighiera komencis sian rezonadon dirante, ke Esperanto taŭgas por filozofia diskutado kaj jen hodiaŭ ni prezentos la figuron de Makiavelo. La historio, tiam, troviĝis je la fino de la mezepoko kaj en la Renesanco. Tiam Italio estis disigita en multaj landoj, kiam Hispanio kaj Francio jam estis unuigitaj ŝtatoj, Venecio bordŝipadis en markomerco, Florenco inventas la libro-tenadon kaj la undustrion. Ĉio kontribuas al la riĉeco de la lando, la arto prosperis, aperis la humanismo, kiu malfermis la okulojn.

En tiu renesanca etoso aperas Makiavelo. Li estis politikisto kaj ambasadoro de Florenco en diversaj lokoj. La plej konata verko de Makiavelo, La Princo, havas malbonan reputacion, sed en Italio ĝi havas reputacion kiel modelon de itala lingvo.

Makiavelo analizas la historiajn okazaĵojn kaj el tiuj deduktas historiajn leĝojn. "Se oni volas akiri povon, vi devas fari politikon" "Se oni heredas la povon, sed ne estas kapabla ĝin konservi, oni povas fali". "Fidu nur pri viaj fortoj aŭ kapabloj".

La popolo, laŭ Makiavelo, estas amaso da homoj sen konstanta opinio kaj bezonas kvidantojn, superhomojn, kreantojn de la ŝtato; la aliaj devas obei.

Makiavelo rimarkis pri tiuj, kiuj volas ŝanĝojn, ke la malamikoj luktas kuraĝe kaj la amikoj ne. Por sin gardi oni bezonas bonajn armilojn.

En la tempo de Makiavelo oni malkovris Amerikon, Florenco dekadencis kaj Hispanio akiris povon.

Makiavelo faras al si tiun demandon: Ĉu princo devas perforti? Kompreneble jes!, ĉar la armitaj povas sukcesi. Savonarola ne estis armita kaj perdis. Franko, Musolino, Hitlero kaj Stalino fakte mortis en la lito.

Ĉu la Princo devas estis laŭdata? Ne gravas. Laŭ la virtoj de la Renesanco, la Princo devas esti duona homo kaj duona besto; duona vulpo kaj duona leono, ĉar la homoj ne estas bonaj, oni ne povas ŝanĝi la popolon, oni devas adaptiĝi ĝin al la cirkonstancoj, ne ĉiam fie, laŭ la bezonoj, ĉar la ŝtato estas super ĉio.

Gian Carlo Fighiera plu klarigis la penson de Makiavelo kaj diris, ke oni laŭ ĝi devas apartigi la etikon de la politiko, ĉar la etiko estas subigita al la politiko.

Ĉu la Princo aŭ estro devas esti amata aŭ malamata? Tio ankaŭ ne gravas. La ordinara moralo ne aprobas la ideojn de Makiavelo. Li diras, ke la Princo nur devas esti kruela por la individuaj malamikoj, sed ne por la aliaj. Oni ne povas esti kruela, amata kaj timata. Prefere estu amata. Tamen la milito ne devas esti kruela. Ĉu la Princo devas respekti la parolon? Oni povas uzi la forton, la lojaleco ne gravas. Trompulo ĉiam trovas homon, kiu povas esti trompata, la princo devas aspekti bona. En la afero povo la ŝanco estas 50%, la alia procento dependas de la povulo mem.

Per la ekzemplo de Borĵa, Gian Carlo Fighiera finis sian enkondukon al la polemiko.

Manuel López, la dua rolanto en la polemiko, defendis la doktrinon de Makiavelo. Li rimarkis la distingon en PIV inter la du signifoj de etiko, la unua de la scienco pri moralo kaj la dua pri la kvalito de la bono kaj la malbono. Ĉiuj homoj, kiuj devas sin regi, devas pensi pri la bono de la socia organizo, kaj ke la bono de tiu organizo dependas ankaŭ de la momento en kiu oni vivas. Homo aŭ superhomo, kiu kompreneble devas rigardi la bonon, eĉ devas sin turni al la perforto.

Kiamaniere regi? Homo estas politika animalo, kaj tiam en Italio statis la ŝtato-urbo kaj li konsideras la rimedojn por regi. Makiavelo parolas pri kio estas; la demando, kio devas esti estas alio, ĉar la persono, kiu havas la povon, agadas por si.

Laŭ tio, kio estas, resume, mi diras, ĉu etiko estas akordigebla kun politiko? Ne! Laŭ tio, kio devas esti, kompreneble, la politiko devas esti akordigebla kun la etiko. En tio la klasikaj dekstrulaj partioj apartenas al la nea sinteno.

Rafaela Urueña antaŭprenis la rolon de konstraŭstaranto al Makiavelo. En la socio, ŝi diris, rolas la politiko kaj la justeco. Nuntempe, ĉu ili ambaŭ kongruas? Ne! La grekoj siatempe elektis por ŝtatestroj la plej etikajn, sed laŭ Makiavelo ne kongruas politiko kaj etiko. Filozofoj diras, ke ili ne povas kongrui, ĉar la ŝtatestro havas pli da povo. La moralo estas laŭ propraj internaj aferoj kaj la politiko estas en rilato al eksteraj aferoj. Pri la nunaj problemoj, ŝi mencias la sintenon de Ortega y Gasset pri la homamaso, kiu, laŭ li, estas neklera. Pri la amasa ribelo oni ne kulpigu la klerajn homojn, ĉar ankaŭ la kleraj homoj apartenas al la homamaso. En la totalismaj sistemoj tiu kongruo estas ebla kaj ne ĉiam revolucio estas solvo, rolas en tio la ebleco kaj la oportuneco. Rilate la politikon ni konsideras la balotajn promesojn neefektigeblajn, kaj la agadon fifamigi la kontraŭulojn preskaŭ neforigeblan. Kaj jen demando, ĉu estas etika la ĵetado de atombomboj sur Japanion por fini la militon? Rafaela Urueña finante sian intervenon mencias vortojn de Rousseau pri politiko.

Post la diskutado pri Makiavelo kaj ĝis la tempo por tagmanĝi la Ĥoro Verda Stelo de la Grupo Esperanto de Madrido bonege kantis en Esperanto kanzonojn el ĝia repertuaro sur la enireja ŝtuparo de la Ekonomika Fakultato, la kongressidejo.

En la sama tempo de la ĥora kantado okazis kunveno de Hispana Asocio de Laboristaj Esperantistoj (HALE) kaj posttagmeze kunvenis la aliaj fakaj asocioj de HEF, inter ili MEM (Mondpaca Esperantista Movado), kaj la Kongresa Komitato de 41a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso, kiu okazos en Salou (Tarragona) de la 13a ĝis la 19a de majo, 1989.

## PREZENTADO DE NOVAJ VERKOJ

Ĉijare nia lando ankaŭ estis multaj la novaj verkoj eldonitaj en Esperanto. Jen la verkoj kaj tiuj, kiuj ilin prezentis:

S-ro S. Aragay: SFEROJ—6. Sciencfikcio kaj Fantasto.

S-ro Miguel Fernández: la 4a volumo de hispana literaturo. "M. Hernández poeto de'l popolo. Poem-antalogio", en Esperanto-traduko de Miguel Fernández. La nepino de la aŭtoro deklamis poeziaĵojn el la poem-antologio.

S-ro Félix Navarro: Curso Práctico Elemental de Esperanto.

S-ro Luis Mª Hernández Izal: "El Doctor "ESPERANTO". L.L. Zamenhof. Apostol de la paz" de Fernando de la Puente.

S-ro Giordano Moya: la 2a eldono de la unua volumo de "Analoj de la esperanta movado en Hispanujo" de A. Marco Botella.

S-ro Adrián Mañas: Infana ludado kaj libro AEIOU.

## OFICIALA FERMO DE LA KONGRESO

En la granda salono de la Universitato je la 18a horo, komenciĝis la lasta aranĝo de la kongreso. S-ro S. Aragay petis al la delegitoj de la Esperanto-societoj kaj Esperanto-Asocioj aliĝintaj al HEF ke ili venu al la podio por saluti la kongresanojn.

La unua estas la junulo Josefo Manelo nome de la Esperanto-Asocio "Jozefo Anglés" de Sant Cugat del Vallés, kiu emocie salutis la gekongresanojn kaj oficiale konfirmis la decidon de lia Asocio, organizi en 1990 la 50an Hispanan Kongreson de Esperanto. Forta aplaŭdo bonvenigas la okazigon de kongreso en Katalunio. Sekve pli ol 32 delegitoj salutis kaj adiaŭis. Poste S. Aragay petis al la delegitoj de la Esperanto-Asocioj ne aliĝintaj al HEF, ke ili ankaŭ salutu. Tion faris la reprezentanto de la Esperanto-Grupo de Avilés kaj Mediterranea Grupo Juna Sudo.

Post la multnombraj salutoj parolis Augusto Casquero kiel prezidanto de la LKK.

S. Aragay dankis ĉiujn aŭtoritatulojn kaj helpantojn de la Kongreso kaj legis la Rezolucion de la 48a Hispana Kongreso de Esperanto.

Ĝi tekstas:

La 48a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO en Valencio aprobis la jenajn rezoluciojn:

a) Konsiderante la malfacilaĵojn de la Internaciaj Komunikaj Rilatoj inter la popoloj.
b) Konstatante, ke nepre oni devas solvi ilin.
c) Atentigas la esperantistaron kaj neesperantistaron pri tio ke:

1e. Esperanto jam estas agnoskita kaj uzata de kelkaj landoj kiel Internacia lingvo.
2e. Speciale en sciencaj, turismaj, politikaj, religiaj, edukaj, kibernetikaj, ktp, ktp.
3e. Rekomendas al la Esperanto-asocioj daŭrigi kaj intensigi la kontaktojn kun Internaciaj Organizaĵoj kiel ONU, UNESKO, Eŭropa Parlamento, Eŭropa Komunaĵo, ktp, ktp.
4e. Ni konstatas kaj dankas la grandan helpon, kiun ni ricevis de publikaj, kaj privataj instancoj.

Antono Alonso Núñez memorigis niajn grandajn forpasintojn, unue s-ro Ivo Lapenna, kiu estis la organizanto de la moderna Esperanto-movado kaj ĉefredaktoro de la grava verko "Esperanto en Perspektivo", plejparte verkita de li, kaj sekve al niaj HEF-anoj Mariano Cantalapiedra, Emilia Gastón kaj Julio Bueno Cortés, kaj oni silente paŭzis momenton por ilia honoro.

S. Aragay dankis la komitatanojn de LKK gesinjoroj:

Prezidanto. Augusto Casquero, Viceprezidanto Juan Antonio Giménez,

Vicsekretario Juan Fontecha, Eksteraj rilatoj Miguel Fernández, Eldonaĵoj José Perez kaj Pasxual Font Ekskursoj kaj bankedo Manuel Gargallo. Infanaj kaj artaj aranĝoj José Año, Junularaj aranĝoj José Miguel Caludios. Poŝtmarko kaj stampilo Rafael Peris. Kaj alvenis la disdonado de diplomoj al tiuj, kiuj sukcesis en la infano-kurseto de Esperanto kaj en la ekzamenoj de kapabla esperantisto kaj de meza nivelo, entute 16 diplomitoj.

La disdonadon de Esperanto-diplomoj sekvis la honorigo de virino per la disdono de la Premio Klara Silvernik. Rafaela Urueña nome de la Konsilantaro de la Premio legis la liston de la ĝis nun honorigitaj virinoj kaj laste tiu ĉijara al s-ino Concha Hernández, edzino de Manuel López Serna.

Antono Alonso Núñez eldiris la Festparoladon. Li post la danko al Augusto Casquero pri la organizo de du sinsekvaj Kongresoj, Madrido kaj Valencio, kaj tiel same al la LKK, diris, ke la nuna estraro de HEF finas sian rolon venonjare kaj tre gravaj homoj de la nuna estraro laboros por la Universal Kongreso, kaj tial novaj homoj devas anstataŭi ilin.

Dum tiuj venontaj kvar jaroj, ni vidu, kion, laŭ mi, oni devas fari: okazigi enketon en kiu ĉiu HEF-ano skribu pri la Esperanto-movado por fari resumon de la opinioj je la dispono de la nova estraro.

Pri la Horoj, sendu proponojn kaj sugestojn al Esperanto. Apartado 15.700 Santiago de Compostela.

S-ro S. Aragay memorigas ke ĉijare estas la 40a datreveno de la fondiĝo de HEF kaj deziras, ke la plej junaj kongresanoj povu denove kongresi post pliaj estontaj 40 jaroj.

Per la kantado de du strofoj de La Espero, sub la ĥora gvidado de Pastro Manuel Casanoves, finiĝis la ĉijara 48a Hispana Kongreso de Esperanto en Valencio, kun la espero, ke denove ni ĉiuj renkontiĝu en Bilbao okaze de la 49a Hispana Kongreso de Esperanto.

**Lundon, 18an julio**

Aldone al la Kongreso okazis la tuttaga ekskurso al Peñiscola kun vizito al ĝia impona kastelo, la tiutempa sidejo de la papo Luna, kaj la aŭtobusa vizito al la mirindaĵoj de Valencio.

G.M.E.

---

## DEZIRAS KORESPONDI

---

S-ro Tomasz Stuszniak. Ĝojas havi leteramikojn. Kolektas kaj interŝanĝas vortarojn. ul. E. Orzeszkowej 42/8. 50311 WROCTAW. Pollando.

## Serta Gratulatoria in Honorem, Juan Régulo Esperantismo Universidad de la Laguna (Tenerife) 790 paĝoj, formato 17 x 24cm.

Jen granda libro verkita de okdek kleraj samideanoj honore al Profesoro Juan Régulo Pérez. Al la omaĝantoj mi kore aldonas mian modestan personon, pro lia jam malnova amikeco al mi kaj pro lia al Esperanto giganta servo kiun nur per honoro oni povos iel pagi al li.

Verko multaŭtora ne povas esti romano. Sepdek-ok malsamaj temoj koncernantaj facetojn de Esperanto konsistigas la libron, kaj recenzi ĉiun temon aparte, unuope, estus neeble. Tial mi unue prezentas alfabete ordigitan liston de la aŭtoroj:

Albault, Ariste, Auld, Balbin, Benczyk, Bernard, Bormann, Boulton, Baŝgupto, Diego, Goninaz, Duliĉenko (en rusa), Eichholz, Ejsmont, Forster, (en angla), Franch, Giorgi, Golden, Haupenthal (en germana), Kawasaki, Knoedt, Kock, Kolker, Kořinek, Lapenna, Lins, Lloancy (en franca), Makkink, Maul, Mattos, Masao, Miĥajlov, Nagata-Akiko, Neergard, Novobilský, Oljanov, Sánchez (en hispana), Pennachietti, Piĉ, Pilger, Piron, Ragnarsson, Riersl kaj Wood (en angla), Röllinger, Rosbach, Rossetti, Rumler, Saheb-Zamani, Stp-Bowwitz, Tonkin, Vatré, Themaat, Waringhien, Wells, Zlatnar.

Sciemaj legantoj povos multe ĉerpi el la libro: Pri la artikolo, la verbo, la adverbo, la "naturalismo kaj la skemismo", la historio de niaj lingvai institucioj, la ruslingva influo en niaj verboj, la kabareto "Verda Kato", la prononcado, la nuntempaj ŝancoj de Esperanto, la esperantigo de geografiaj nomoj, la Plena Gramatiko, la rolo de Stafeto, la poezio en la Liva lingvo, la problemoj en la tradukado de Don Kiĥoto, la gravega rolo de Esperanto kiel interlingvo por maŝintradukado,... ĝis okdek temoj, inter kiuj tre spicita pornografiaĵo abunde nuancita per la pimpaj "naturalismaj" AB, AK, OB, Erst...

Dufoje mi ellegis la libron, kaj kvankam pluraj el la temoj tiel plaĉis al mi, ke mi notis apude "Tre klara", "Tre fundamenta", "Bonega" mi prisilentas la aŭtornomojn, ĉar mencii ilin ja rekte signifus subtakson de tiuj ne nomitaj. Tamen, malgraŭ tiu pozitiva flanko, ĉu mi aprobu, ke en la nomo de ia propra opinio, ĉiam diskutebla, oni enŝutu en la kutiman, ordinaran lingvo, manplenegon da misnomataj neologismoj, kiel Ad, Ob, Of, Ak, Ed, Al, Aŭtem, Erst, Koram, Ma, Par, Sol, Kom, Nam, Nulmen, Omno, Simi, Enim, Ergo, Sempre, Sovente, Solt, Interim,... Mido, Nonsanca, Plurie, Pluriam, Plenunti, Verkili, Tradukili, Internacivortoja (adjektivo de pluralo), kvestio,... k.a. krom la malfundamenta uzo de **La** anstataŭ la pronoma TIU

(la de Kabe, la de Grabowski k.a.)? Ĉu povas plaĉi al mi, ke ni, parolanta flue Esperanton de antaŭ sepdek jaroj devu nun konsulti postartikolan glosaron kvardekfoje dum legado de nur dudek paĝoj? La lingvoj ne evoluas nek ŝanĝiĝas rapide. Cervantes verkis sian Don Kiĥoton antaŭ preskaŭ kvarcent jaroj kaj tamen ĝia lingvo estas ne tre malsimila je la nuna.

Aliflanke mi konstatis ke la verba FAR uzata preporicie aperas ofte eĉ kontraŭ la fundamenta DE post la participo: Verkita DE, kvankam tiukaze DE neniam erarigas. La duopo **fare de** solvas la problemon en iaj esceptaj okazoj. Kial do Far, cetere ne tre eleganta en buŝo de iuj landanoj?

Alia kontraŭlingva peko estas la uzado de prepozicioj antaŭ infinitivo, precipe SEN kaj ĜIS. Parole la prepozicio kuniĝas kun la infinitivo, tiel, ke "sen valorigi" sonas "senvalorigi" kies signifo estas "fari ion senvalora" dum la intenco estis "ne valorigante". La frazo "En restoracio li manĝis ne paro**lante** kaj poste eliris ne pag**inte**" oni skribas li manĝis sen paroli kaj eliris sen pagi. SEN = ANTE kaj = INTE. Ĉar evidente li eniris ne pag**onte**, ĉu ni diru ankaŭ **sen pagi**? Aŭ, ĉu la formulo ne taŭgas por ONTE?

Ellegu la SERTA GRATULATORIA IN HONOREM JUAN REGULO; vi ne misuzos tempon kaj per ĝia trastudo ni helpos pluporti la torĉon de Stafeto kaj grandigos la omaĝon al nia kara kaj elstara samideano.

**Salvador Gumà i Clavell**



## PILOLOJ (1)

Bedaŭrinde, la esperantistaro malŝparas multe da tempo jen revante entuziasmigite, jen plendante post ajna fiasko. Neniu el tiaj sintenoj favoras al Esperanto. Tute kontraŭe. Nur la akceptado de la faktoj, la analizo de la kaŭzoj okazigintaj ilin, la induktado de principoj kaj la plenumo de la koncernaj agadplanoj ebligos la antaŭeniron de Esperanto. Ĉiuj, esperantistoj kaj neesperantistoj, rajtas opinii pri la afero. Ankaŭ ĉiuj devas kompromisi. Por rompi la silenton kaj la malkuraĝan konsentemon regantajn inter ni, jen kelkaj cerbumindaĵoj. Tiel estu, ke ili utilus por plibonigi nian esperantistecon.

La medio origina de ĉiu homo kuntrenas forte la akcepton de iuj antaŭjuĝoj rilataj al la utileco de kelkaj lingvoj.

La regado de alilanda lingvo endanĝerigas la kulturon de la propra lando.

La Registaro ne alfrontas serioze kaj efike la eksterlandan lingvan problemon.

La favoraj esprimoj el kulturaj kaj politikaj instancoj estas tute maloftaj kaj malfortaj kaj neniam kaj neniel helpas disvastigi Esperanton.

La politikaj partioj kaj la sindikatoj tute silentas pri Esperanto.

Reale la ekleziojn en Hispanio ne interesas Internacia Lingvo.

Estas granda la sociaj premoj por enkonduki la anglan en la lernejojn.

Estas granda la sociaj premoj por silentigi kontraŭantojn la anglan.

Ŝajne malmultaj politikistoj kuraĝas defendi Esperanton publike kiel veran kaj taŭgan solvon al monda lingvoproblemo. Eble ununura escepto estis la Reĝo okaze de la UK de Barcelono.

Neniun postsignon lasis en Hispanio, ni akceptu tion, la okazigo de la Nacia Kongreso en 1987 malgraŭ la formala subteno de politikaj kaj kulturaj elstaruloj.

Hodiaŭ la instruado de la angla lingvo estas vera "modus vivendi" en nia lando.

Esperanto, laŭ la plejmulto, estas utopio ne atingebla en nia tempo.

Tre tre malmultaj esperantistoj pretas kunlabori reale en la enkonduko de Esperanto en la hispanajn lernejojn, Al la propono farita de iuj respondis la plej malkuraĝiga respondo de preskaŭ ĉiuj ceteraj. Verŝajne en nia lando aŭ neniu legas E-revuojn, aŭ neniu deziras kunlabori kun la aliaj. Kial mi asertas tion? Mi respondas: Ĉar la plej hontiga silento akompanas la proponon de ajna sugesto.

Ankoraŭ multaj hispanoj eĉ ne suspektas, ke la lingva diskriminacio tute kontraŭas al la vera demokratio.

Al la E-Movado en Hispanio mankas, inter aliaj, difinitaj strategioj, kadroj, esperantistaj sciencistoj, ideologoj kaj fortaj instruaj institucioj.

Malmultaj esperantistoj kapablas paroli senerare en la Internacia Lingvo.

La aplikado de Esperanto ne ekzistas. Preskaŭ neniu esperantisto kuraĝas anonci siajn varojn en Esperanto. Ĉu ili hontas fari tion?

Amatoreco kaj individuismo tute malfavoras al la Movado.

La eminentuloj apartenantaj al la Movado, spite al ĉio, ne kapablis konvinki siajn kunulojn pri la utileco uzi Esperanton.

Tre ofte, grava diseco estas inter niaj plej kapablaj samideanoj kaj tiuj kiuj vere pretas labori por la disvastigo de Esperanto.

Ne malofte oni taksas esperantistojn duaklasaj civitanoj kaj kompatindaj naivuloj.

Foje, iuj alproksimiĝas al Esperanto serĉante agrablan socian situacion. Kompreneble, poste ili foriras kaj silentas.

Estas senelira cirklo: Publikaj kaj privataj instancoj ne uzas Esperanton ĉar mankas, flanke de la socio, la koncerna premo kaj, inverse, oni diras ankaŭ, ke la socia premo mankas ĉar ne estas kunlaboro de la instancoj.

Etoso favora al Esperanto necesas kaj ĝi estu kreata de la esperantistoj, unuope kaj kolektive.

Necesas kapablaj aktivuloj.

Necesas uzi Esperanton en entreprenoj kaj sociaj servoj.

La tuta esperantistaro devas subteni kaj uzi la instruadajn servojn de la Movado.

Nepras varbi politikistojn al Esperanto.

Ŝance jam estas kompleta Instruado Servo en Hispanio. Ĝi estis desegnita de ILEI kaj de AEU kaj aprobita de HEF. Ĉiu esperantisto rajtas kaj devas uzi ĝin.

Tutmonda Tradukreto Pere de Esperanto havas membrojn en Hispanio. Ĉiu interesito kontaktu ĝin en nia lando turnante sin al AEU, Poŝkesto 3275, 29080-MALAGO.

Ni apliku ankaŭ Esperanton en Turismo. Klubo Esperantotur de Viajes SEDEMAR TOURS organizas Esperanto-ekskursojn kaj Esperanto-iradojn de Malago al la ceteraj lokoj de Hispanio. Kompreneble ĝi disponas ankaŭ Esperanto-ĉiĉeronon. Adreso: Klubo Esperantotur de Viajes SEDEMAR TOURS, Plaza Las Américas, Edif. Las Carabelas, 1° Pta. 3. 29002 MALAGA. Ĝia telefonnumero estas 952-314824.

Ĉiu esperantisto anoncu sin, kiel eble plej ofte, en Esperanto. Esperantistoj havantaj komercan aŭ servan entreprenon anoncu sin, siajn varojn kaj siajn servojn ankaŭ en Esperanto.

Montru la eminunteloj sian amon al Esperanto verkante en la Internacia Lingvo. Aŭ ankaŭ ili ne fidas je la taŭgeco de Esperanto por disvastigi la kulturon tra la mondo?

Kuraĝon samideanoj!

**Andrés**

# LA NOVAJ DONKIĤOTOJ

Antaŭ apenaŭ kelkaj semajnoj, ĝuste la 2an de Decembro 1987, la Aragona Parlamento aprobis oficiale la elekton de juristo, poeto kaj samideano Emilio Gastón Sanz, kiel "Justicia de Aragón" (Justiculon de Aragono).

Antaŭas la eminentan nomon, kun ia inklino senerare demokrata, tri titolojn, kiuj per si mem honoras elektantojn kaj elektiton: juristo, poeto kaj esperantisto. Ne alie povis okazi kaj tuj mi klarigas la kialon.

La elektito devis esti juristo, por historie sekvi la analogajn instituciojn kaj figuron iam ekzistintajn en Aragono, kaj ankaŭ, kiel necesa kondiĉo, por sia hodiaŭa laboro. Lia baza tasko konsistas el la protekto de la individuaj kaj kolektivaj rajtoj de la aragonanoj, defendi la Aŭtonoman Statuton, zorgi pri la ĝusta aplikado de la aragona leĝaro kaj de la jure ĝusta funkciado, de la Administrado de la Aŭtonoma Komunumo.

Tiu moderna figuro, jam antaŭ longe funkcianta en diversaj okcidentaj demokrataj landoj kaj en Hispanio mem sub la nomo "Popolodefendanto", ne estas nova ĉe ni, ĉar en Aragono jam aperis en la 12a jarcento sub sama nomo "Justicia de Aragón" kaj kun similaj celoj. Verŝajne ĝi devenas de la antikva kortumformiĝo, dum la 13a jarcento, en interpretiston de la rajtoj kaj privilegioj de Aragono kaj ĝia leĝaro antaŭ la centra povo. La persona prestiĝo de la aragonaj Justiculoj dum la 13a kaj 14a jarcentoj, kontribuis plifortigi la institucion, kaj estis en la jaro 1348 kiam la Zaragozaj Kortesoj kompletigis ĝin, ĉar ili decidis, ke la Justiculo estu la sola interpretisto de la leĝaro koncernanta la priviligiojn de Aragono, kaj samtempe nura kompetentulo de la kontraŭjura problemaro kaj rekta aplikado de ĝiaj leĝoj. Tio ebligis al la Justiculo, efike helpata de kompetenta konsilantaro, ekzameni la leĝecon de la verdiktoj kaj ĝustan uzadon de la leĝaro. Por plenumigi tiun celon, la Justiculo, disponis pri du esencaj juĝrajtoj: la **rajtosubskribo**, kiu ebligis al li ĉesigi la procesojn de iu ajn tribunalo, kaj la **manifestacian proceson**, per kiu li, petate de la akuzito, protektis personojn aŭ procesojn kiam oni konjektis, ke ili povus esti damaĝitaj per maljustaĵo aŭ kiam oni suspektis pri ne ĝusta aplikado de la aragonaj leĝprivilegioj. Por plenumi sian taskon, la Justiculo disponis pri apartaj elementoj kiuj donis al li ian sendependecon en la ordinara juĝoservo: kelkaj kunlaborantoj specife dediĉitaj al tiu ofico kaj speciala karcero, kiu ŝirmis la procesatojn de eblaj persekutoj, maljustaj premoj kaj suspekteblaj venĝoj, kiuj fakte povus malhelpi la ĝustan agadon de tiu jura aparato. La antikva Justiculo nur respondecis

antaŭ la Zaragozaj Kortesoj, same kiel la nuna tion faras nur antaŭ la Aragona Parlamento, kio fakte signifis plenan sendependecon rilate al la reĝa povo dum tiu epoko, kaj nun, apartan kriterion en la interpreto de la ordinara leĝaro.

La historio de la Justiculoj de Aragono dum almenaŭ ses jarcentoj, estas ja tre interesa kaj politike grandinflua, sed mia intenco hodiaŭ ne estas profundiĝi en tiuj eventoj, mi aldonu nur, ke tiu aragona institucio leĝe malaperis dum la 18a jarcento, kvankam fakte ĝi nur teorie funkciis de la jaro 1591, kiam la reĝo Filipo la 2a kontrolis ĝin ordoninte la senkapigon de la Justiculo Juan de Lanuza, okaze de grava agitado en Aragono, kiam tiu ĉi pretendis protekti la reĝan Sekretarion Antonio Pérez, kontraŭ la volo kaj kolero de la propra reĝo.

Sed ni menciis tri titolojn kiuj karakterizas la elektiton kaj ĝis nun ni nur parolis pri la juristo, t.e. la profesia, necese estas ke ni komentu la aliajn, pure humanismajn. Ni jam tion diris: samideano Gastón ankaŭ estas poeto.

Esti poeto signifas, antaŭ ĉio, posedi la mirigan povon krei belecon. Poeto, rigardas la vivon kun speciala perspektivo, sentas ĝin per sensiveco pli akuta kaj profunda ol la ceteraj homoj, kaj tio estas esence grava por respondeculo kies homama misio postulas komprenemon, helpemon al suferantoj, kapablon por mildigi la dolorojn de viktimoj de persekutoj, maldefendoj kaj ĝenerale de maljusteco...

Krom tio, la nova Justiculo estas esperantisto. Se ni diskrete rigardas lian tradician hejmon, ni tuj konstatos, ke lia tuta familio estas esperantista: lia avo, advokato Emilio Gastón Ugarte, fondis la E-Societon "Frateco" de Zaragozo en 1908, estis unua Prezidanto de Hispana Esperanto-Konfederacio (Reus 1916), kaj prezidis ankaŭ la Patronaron Por Helpo al Aŭstriaj Infanoj (1920). Paroli pri la esperantisteco de la aliaj familianoj devigus min plenigi paĝojn kaj paĝojn: ĉiuj ni jam konas la familion Gastón... Esti esperantisto signifas, ne nur paroli lingvon internacian, sed senti sin inklina taksi ĉiujn kulturojn kaj homojn de nia planedo sendistinge, kun malfermita koro. Signifas ankaŭ, kompreni kaj esti komprenita, kaj montras homon kiu jam paŝis survoje al komuna patrujo de ĉiuj popoloj: la homaro.

La reapero de tiu jura antikva institucio de Aragono, modernigita kaj reprezentata nun de demokrata esperantisto, garantias la protekton de la homaj rajtoj de la individuo en la aragona socio, kaj elstarigas la figuron de moderna Donkiĥoto.

**Antonio Marco Botella**
**(Publikigita hispanlingve en la ĵurnalo**
**"Heraldo de Aragón" la 20an Feb. 1988)**

## NEKROLOGOJ

### MARIANO CANTALAPIEDRA

La pasinta 4-an de majo, forpasis en Valladolid s-ano Mariano Cantalapiedra, fondinto de la loka Esperanto-Grupo "Fido kaj Espero" kies Prezidanto li estis dum pluraj jaroj.

Aŭtodidakte li lernis Esperanton en Oviedo en la jaro 1927, kie tiam li laboris kaj translokiĝinte al Valladolid, pro profesiaj devoj, en la jaro 1957 li fondis nian Grupon, kie li entuziasme instruis la lingvon al centoj da interesuloj, kelkaj el kiuj ankoraŭ restas fidelaj al la Movado.

Kiel aktiva esperantisto, D. Mariano dum pluraj jaroj estis membro de la estraro de H.E.F., kaj aktive partoprenis en la organizado de du Kongresoj en nia urbo. Li estis Sekretario de la O.K. de la 23-a Hispana Kongreso de Esperanto okazinta en Valladolid en 1962, kaj Prezidanto de la 34-a Kongreso okazinta en 1973.

Li verkis multajn artikolojn, prelegojn kaj gvidis kursojn per la radio, ĝis la momento kiam terura akcidento trancis la viglecon de nia kara samideano.

Ni estas certaj ke unu el la lastaj ĝojoj de lia vivo, estis kiam grupeto da samideanoj vizitis lin, en lia hejmo, la pasintan 18-an de februaro, por kore donaci al li ekzempleron de "Analoj de la Hispana Esperanto-Movado", kiu tre plaĉis al li.

Pace ripozu nia kara D. Mariano.

**M.R.U.**

---

Emilia Gastón Burillo, denaska esperantistino, forpasis la 14an de junio. Ni elkore kondolencas ŝian familion kaj speciale ŝian fratinon Inés. Ambaŭ fratinoj unuece senhalte tiom laboradis por Esperanto, kiom ili povis kaj eĉ pli ol ili povis.

---

La 9an de junio forpasis en Vigo veterana esperantisto Julio Bueno Cortés, kiu dediĉis fervore sian vivon al Esperanto. Li fondis kaj prezidis la Vigan Grupon "Paco kaj Amo" kaj organizis la du Hispanajn Kongresojn okazintajn en Vigo en 1972 kaj 1986, kiuj lasis neforgeseblan memoraĵon en la menso de la ĉeestantoj. Julio Bueno Cortés, pro sian nomo kaj pro siaj faroj estis duoble bonulo kaj lia ekzemplo kiel esperantisto inspiros la laboron de liaj lernantoj kaj amikoj. Ni kondolencas lian vidvinon kaj filon. Pace ripozu!

---

S-ro Fernando de la Torre Rodríguez mortis 97-jara en Baena (Córdoba), lia naskiĝurbo. Li estis nacia instruisto, gvidis multajn Esperanto-kursojn kaj estis senlaca disvastiganto de la esperantismo. Li ripozu pace.

---

**El la parolado de la Tria Kongreso, 1907 en Cambridge.**
**(Originala Verkado, paĝ. 378)**

Ĉiu privata esperantisto povas havi tiajn konvinkojn aŭ fari tiajn agojn, kiajn li volas, kaj ni ne respondas por liaj konvinkoj nek agoj, kiel li ne respondas por niaj. Li povas esti la plej granda egoisto, **genta ŝovinisto**, malamanto de homoj aŭ eĉ la plej malnobla krimulo, kaj se li nur uzas la lingvon Esperanto, ni ne povas malpermesi al li nomi sin esperantisto. Sed se li volas veni al esperantista kongreso, aŭ se li volas aliĝi al ia alia institucio, kiu portas la verdan standardon, tiam la afero ŝanĝiĝas. Tiam li venas en landon, kiu havas siajn apartajn leĝojn, siajn apartajn morojn kaj principojn.

En Esperantujo regas ne sole la lingvo Esperanto, sed ankaŭ la interna ideo de la esperantismo; en Esperantujo regas ne sole la oficiala ĝenerala esperantismo, — tie regas ankau io alia, io ĝis nun ankoraŭ ne precize formulita, sed tre bone sentata de ĉiuj esperantistoj — tie regas la **verda standardo**!

Kio estas la verda standardo? Se por iu komercisto, kiu uzas Esperanton nur por vendi siajn komercaĵojn aŭ por iu sportisto, kiu uzas Esperanton nur por amuziĝi, nia standardo estas simpla signo de nia lingvo, simpla interkonsentita dekoracio por niaj kongresoj kaj institucioj — ni, esperantistoj-batalantoj, certe vidas en nia standardo ion alian: ĝi estas la signo, sub kiu ni marŝas al nia paca batalado, ĝi estas la voĉo, kiu konstante memorigas al ni, ke ni laboras por Esperanto nur tial, ĉar ni esperas, ke pli aŭ malpli frue, eble post multaj jarcentoj.

Sur neŭtrala lingva fundamento,
Komprenante unu la alian,
La popoloj faros en konsento
Una grandan rondon familian.

## NOTO

LA REDAKCIO DE "BOLETIN", JAM DE TEMPO DISPONIS JUNULARAJN PAĜOJN, KIUJ BEDAŬRINDE NE APERAS PRO MANKO DE KUNLABORADO.
PRO TIO NI BONVOLE PETAS AL LA SAMIDEANARO LA SENDADON DE KUNLABORAĴOJ. DANKON.

G.M.E.

# 1988, LA JARO DE JEAN MONNET

Ni ĉiuj scias, ke nun Hispanio apartenas al la Eŭropa Komunaĵo, kaj kunsidas plenrajte en la diversaj "Eŭropaj Konsilioj", la lasta okazinta en februaro, prezidate de la Germana Federacia Respubliko, kun la celo modifi la internan strukturon de la Eŭropa Komunaĵo por atingi en 1992 la efektivigon de la "Eŭropa Unika Akto" kiel ĉefan dokumenton por perfektigi la E.K.

Por tiu efektivigo oni bezonas: Ekonomian komunan spacon, kun ekonomia disvolvo, plej bonan funkciadon de la Eŭropaj Institucioj, kaj plej ĝustan distribuon de la budĝeto kaj atingi finfine eksteran komunan politikon.

Sed, ĉu ekzistas manko de vera politika volo por reformi taŭge la Eŭropajn Instituciojn, por atingi la 1992an kun plej efektiva socia kaj ekonomia kohero?

La Eŭropa Konsilio de Bruselo decidis dediĉi la jaron 1988 je memoro al **Jean Monnet**, kiu estis unu el la patroj de la "Eŭropa Komunaĵo" kaj por tiu celo ĉiu komuna institucio preparas aranĝojn por honori la personecon de homo, kiu estas konsiderata unu el la plej elstaraj politikistoj de la nuna jarcento kaj sendube unu el la fondintoj de la Eŭropa Komunaĵo. Pro tio, en la nuna momento de la funkciado de la Eŭropaj institucioj estus bone koni la verkon de Jean Monnet titolitan "Memoraĵoj", kiu de la komenco spegulas la propran sencon de la dediĉa surskribo: "Ni ne unuigas Ŝtatojn, sed homojn"

Jean Monnet skribis, ke la unuiĝo de Eŭropo ne povas fondiĝi nur sur la bonvolemo. La vivo de la institucioj estas pli longa ol la vivo de la homoj kaj pro tio nur institucioj firme bazitaj povas havi la saĝecon de la estontaj generacioj. Sed... kien ni iras, kaj kian Eŭropon ni deziras? Monnet antaŭvidis ke "la ĉefa afero estas krei progresive inter la eŭropaj homoj la plej vastan komunan intereson, pere de demokratiaj institucioj kun la necesa suvereneco. Tiu sistemo funkcios forviŝante barilojn, ĉar la Komunaĵo kiun ni kreis ne estas celo en si mem, temas pri transformado kaj hodiaŭ kiel hieraŭ niaj popoloj devas lerni vivi kune sub komunaj normoj libere akceptataj. La suverenecaj nacioj de la pasinteco jam ne estas la kadro kie oni povas solvi la nunajn problemojn kaj la propra komunaĵo estas nur etapo ĝis la morgaŭ mondo.

Tute prave ni povas aserti ke Jean Monnet estis nun el tiuj homoj kiuj plej klere antaŭvidis la sorton de nia Eŭropo.

**M.R. Urueña**

## DEZIRAS KORESPONDI

—F-ino Elzbieta Zelichowska. 31-jara inĝenierino, specialistino pri mikrobiologio. Interesiĝas pri historio, sporto kaj turismo. Ul. 22 Lipca 12. 28-400 PINCZOW. Pollando.— F-ino Marta Teresa Malek. 18-jara polino. Kolektas poŝmarkojn kaj interesiĝas pri vojaĝoj. Palmowa 20. 59.220 LEGNICA. Pollando.— S-ino Maria Margasińska. 36-jara instruistino. Serĉas leteramikojn el la tuta mondo. Ul. Godebskiego 43/2. 51-691 WROCLAW. Pollando.— S-ro Hba Adamo. Deziras ricevi multajn adresojn de hispanaj geamikoj. Ul. Sportova 58/60, loĝejo 50. 42-200 CZESTOCHOW. Pollando.— F-ino Irena Szansser. Profesorino pri superaj kursoj de E-o. Serĉas hispanan familion kie loĝi iom da tempo por praktiki la kastilian. Ŝi korespondos kiel E-a profesorino kun tiu familio kaj grupoj de E-o. Lewartowkiego 9m 17. 00185 WARSZAWA. Pollando.— S-ro Marek Warmuz. 25-jara. Serĉas hispanajn gekorespondantojn. Bohaterów Wrz. 59/52 Pl-31-621 KRAKOW. Pollando.— S-ino Maria Petkova. E-a internacia familio, eklernas hispanan. Kun gehispanoj. Ŝi volonte akceptus tiujn hejme.

## INTERNACIE

### NOVA OFICEJO LABORAS PER ESPERANTO

La 1an de marto 1988 komencis labori nova oficejo por stimuli la interkompreniĝon en Eŭropo. Ĝi uzas por siaj translimaj kontaktoj la Internacian Lingvon Esperanto. La oficiala nomo estas "Oficejo por Eŭropa Interkompreniĝo", nacilingve "Büro Europaverständigung".

La nova oficejo serĉas kontaktojn kun ĉiuj homoj kaj grupoj, kiuj same kiel ĝi klopodas plibonigi la Eŭropan rilatojn aplikante tiucele Esperanton.

Interesitoj bonvolu urĝe anonci sin, ĉar la subvencioj ebligas nur unujaran ekziston — sed estas ŝancoj por plilongigo. En la komenca fazo kontaktemuloj bonvolu skribi al

**Societo por Internacia Lingvo**
**prez. Dro Werner Bormann**
**Schärstr. 26**
**D-2050 Hamburg 80**

44a INTERNACIA JUNULARA KONGRESO. Zagrebo, Jugoslavio. 15a ĝis 22a de julio, 1988. ĈEFTEMO: "Komunikado en la 21a Jarcento. LKK: Kroatia Esperanto-Ligo. Amruŝeva 5/1. ZAGREB. YU-41000. Jugoslavio.

# ESPERANTO KAJ LA LABORISTARO
## 2a

La nuna evoluo de la informado, malgraŭ la teknikaj avantaĝoj, restas en la manoj de minoritato, kiu manipulas kaj disdonas informojn laŭ propraj kriterioj. Ĉi tiu aserto, estas fakto plene provita, konstatita. Novaĵo, kiu origine aperis ĉie en sama teksto, ne estas same interpretata de la diversaj komunikiloj, gazetaro, radio, televido..., ĉio dependas de la tendenco politika kaj socia al kiu apartenas la koncerna informilo. Do, kiam la novaĵo, la informo, alvenas al strata homo, al la laboristo, ĝia enhavo aŭ mesaĝo, ne estas, en multaj okazoj, la origina.

Nu, ĉu tio signifas, ke se Esperanto estus oficiala lingvo kaj konata de ĉiuj, kun sia internacia rolo, la novaĵoj estus pli fidindaj? Evidente ne, ĉar ĉiu informa organo interpretus kaj prezentus la noticon laŭ propra kriterio. Sed la laboristo, tiu homo de la socio, kiu devas kontentiĝi per tio, kion al li oni prezentas, same li ĝin kredas aŭ ne kredas, kun Esperanto en la praktiko li havus la eblecon esplori, ĉu la novaĵo estas ĝusta aŭ ne. La scio de Esperanto donas al li ĉi tiun eblecon. Esperanto malfermas al li la pordojn, kiuj fermiĝas ĝuste kiam li finas la legadon de la novaĵo. Ĝi estas realaĵo konstatita de la subskribinto de ĉi tiu teksto. Mi iam, ne kontente pri la informoj legitaj en la naciaj ĵurnaloj, skribis al esperantisto de la koncerna lando kaj mi ricevis la informon en ĝia origineco, kvankam ofte okazas, ke tiuj personaj informoj estas ornamitaj laŭ gustoj de la korespondanto. Sed mi per Esperanto, liberiĝis de la informa rutino, kiu siavice ne ĉiam respondis al la realo. Kiam la afero Ĉernobila mi skribis al samideano loĝanta tie, kaj la informoj senditaj de li, ne ĉiam koincidis kun tiuj de Hispanujo, nek eĉ kun tiuj de lia lando.

La laboristoj, krom tiuj, kiuj havas altan respondecon antaŭ siaj kamaradoj je internacia nivelo, restas, tre ofte, ne bone informitaj pri la realo socia en aliaj landoj. Esperanto donas al ĉiu laboristo la eblecon interrilati kun aliaj eksterlandaj kamaradoj, por plej bona kono de la tieaj problemoj, kaj samtempe, li povas eksponi la siajn. Esperanto estas grava instrumento, por ke la laboristaro povu pritrakti siajn problemojn internacie per diskutado, analizado, organizado de la sekvonta lukto.

En la praktiko, kiam ne ekzistas bona lingva interkompreno, la dialogo estas teda, nesufiĉa, malvigla, kun multaj kaj absurdaj klarigoj, lingvaj miskomprenoj, tradukaĵoj. Pro tio Esperanto en la laboristaj manoj povas esti valora instrumento por la lukto kaj solidareco inter la laboristaro.

**Luis Serrano Pérez**

## 40a IFEF KONGRESO EN PERPIGNAN

En la bela kaj moderna "PALACO DE LA KONGRESOJ" de Perpignan, ĉefurbo de la Norda Katalunio, en Francio, okazis la 40a Kongreso de la Internacia Fervojista Esperanta Federacio de la 4a ĝis la 11a de junio de 1988. Sub la mirinda devizo "La reloj unuigas la landojn, Esperanto unuigas la popolojn", komenciĝis la solena malfermo en la vasta aŭditorio kun 553 partoprenantoj el 19 landoj.

La muzik-societo "La Gajaj Trobadoroj" agrable amuzis la kongresanojn dum la malfermo. La Prezidanto de L.K.K. Pierre Robiolle, esprimis sian ĝojon pro tio, ke trifoje okazas IFEF-Kongreso en Francio . Sekve li prezentis la honorajn gastojn.

Post la paŭzo, salutis la kongreson la representantoj de la 19 landaj asocioj. Fine la IFEF Prezidanto Joachim Giessner deklaris la kongreson malfermita kun la rekomendo ke ni streĉu ĉiujn fortojn en ĉiuj landoj por ke ne manku portantoj de la Zamenhofa torĉo kun "Espero, Obstino kaj Pacienco".

Dum la plena kunsido estis konfirmita la okazigo de 41a IFEF Kongreso en 1989 en Saluo, Hispanio. Por la 42a Kongreso. Per Johan Krogstie proponis la urbon Hamar, Novergujo. Ankaŭ estis akceptitaj la aliĝpetoj al IFEF de Ĉinio kaj DDR.

La fakprelega Komisiono prezentis la francajn fervojajn aktualaĵojn pri TGV-Atlantika.

La Terminara Komisiono informis ke baldaŭ estos preta la teknika vortaro pri fervojaj temoj.

Rafael Devis projekciis filmon pri la venonta Kongreso en Salou, tradukitan de Tomàs Alberich kaj kun la agrablaj voĉoj de Milan kaj Friedel Sudec.

Dum la unua ekskurso, ni vizitis la urbon Colliure kun ĝia pitoreska haveneto, kaj Banyuls ĉe maro, kie ni gustumis la tiean naturan dolĉan vinon.

La tuttaga ekskurso kondukis nin ĝis la abatejo Fonfroide. Ni tagmanĝis en la bela kastelo Gaussan, kaj fine vizitis la faman muzeon de Tautavel.

Dum la lasta ekskurso ni vizitis la regionon Conflent, la urbon Villefranche kaj ĝiaj fortikaĵoj. Fine la romanan abatejon de Sant Miguel de Cuixà.

**Martí Guerrero Cots**
**HISPANA ESPERANTA**
**FERVOJISTA ASOCIO**

**KUBO. ESPERANTO'88**

Internacia Konferenco por la Evoluo de Esperanto en Iberameriko. Havano-Kubo, 30a novembro – 2a decembro, 1988.
TEMOJ: Interlingvistiko, Esperantologio, Instruado, Propagando (Informado), Kulturo, Turismo kaj Apliko de Esperanto en Scienco kaj Tekniko.
Informojn: CUBATUR. Calle 23. N-ro 156. Vedado, La Habana 4. CUBA

**"LA ĈEROKA ESPERANTISTO" APERAS.** Mi estas juna ĉeroko, fraŭlo kiu eldonas gazeton. Mi parolas la rapide pereantan ĉerokan lingvon. Mia hejmurbo estas "Tahlequah", Oklahomo, Usono, la ĉefurbo de la Ĉeroka Nacio. Mi nun estas en malliberejo. Mi frontas mortpunon pro krimoj pri kiuj mi estas senkulpa. Ĉiu numero de la gazeto "La Ĉeroka Esperantisto" havas interalie: 1. Ĉeroklingvan sekcion kun esperanta traduko, kiu estos io el la ĉeroklingva literaturo. 2. Sekcion pri ĉeroka gramatiko kaj lingvistiko. 3. Sekcion pri ĉeroka historio kaj kulturo. 4. Rubrikon pri Poliespo.

"La Ĉeroka Esperantisto" aperos dufoje en ĉiu monato. Mi sendos ĝin senpage unu jaron al ĉiu, kiu donacos al mia leĝdefenda fonduso sumon egalan al UEA kotiza kategorio MA (–k). Bonvolu sendi 35 usonajn dolarojn per internacia poŝtmandato pagebla al Bernice Garrett al la jena adreso: Billy R. Waldon, c/o Max Brande, 425 S. New Hampshire 204, LOS ANGELES, CA 90020 USA (Se vi ne povas donaci tiom, donacu kiom vi povas kaj mi sendos al vi la gazeton laŭ mia povo).

"RADIO VATIKANA" en artikolo "DEK JAROJ DE ESPERANTO–ELSENDOJ, subskribita de Carlo Sarandrea, komentarias: "Radio Vatikana jam dek jarojn elsendas en Esperanto, kaj entute faris pli ol mil programojn en la Internacia Lingvo. Du fojojn ĉiusemajne nevidebla popolo sen landlimoj ideale rendevuas; kaj ne nur katolikoj, sed ankaŭ alikredantoj kaj eĉ ne kredantoj. "Mi estas ortodoksa... mi estas kalvinisto... mi estas ateisto...": leteroj kun tiaj esprimoj ne estas maloftaj. Tio speciale apartenas al la spirito de la Esperanto-movado, kies universaleco tre kongruas kun la spirito de la katolika kristanismo"...

INTERNACIA ASOCIO DE HANDIKAPITAJ ESPERANTISTOJ sciigas, ke de la unua de januaro 1988, ĝi ĉesigas sian agadon ĝis 1990. Meze de 1988 IAHE eldonos Adresaron de handikapitaj esperantistoj inklusive de membroj de IAHE kaj tio estas la lasta servo de IAHE al siaj membroj. Ŝkolska ul. 25. YU 56227 BOROVO. Jugoslavio.

